

# Boletín

*Nº 355 marto/aprilo 2002*



Geedzoj Salvador Aragay kaj Josefina Girona
Ni vidos nin en Alicante

*Asociación de utilidad pública*

DERACIÓN
PAÑOLA
ESPERANTO
NA ESPERANTO-FEDERACIO

# Boletín

BULTENO DE HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO

Aperanta de 1949

Redaktisto: Miguel Gutiérrez Adúriz; Los Coteros 1-C, 2-I; ES-39600 Muriedas; Cantabria; liven@wanadoo.es

*Noto: Pri la enhavo de la artikoloj respondecas nur la respektivaj aŭtoroj. La redaktisto rajtas libere rifuzi ne petitajn artikolojn.*

**Hispana Esperanto-Federacio**

**Rodríguez San Pedro 13, 3°, 7; ES-28015 Madrid; Tel.+faksilo: +34.(9)1.446.80.79**
**Konto ĉe BBVA : 0182-2552-61-0204011.961**
**admin@esperanto-es.net**
**www.esperanto-es.net**



## Enhavo



**61a Hispana Kongreso**

**1a - 4a de aŭgusto**



Prez. Miguel Ángel Sancho

# Estrarkunsido

La HEF-Estraro kunsidis en la centra oficejo en Madrid la 13an de aprilo 2002 ekde la 10:30 atm. Ĉeestis: Miguel Ángel Sancho, Pedro Garrote, Miguel Gutiérrez, Manuel Parra, Augusto Casquero kaj Marcos Cruz, plus la kunlaboranto Ana Manero. Prezentis sian ekskuzon J.M. Galofré kaj Luis Hernández.

Pritraktitaj aferoj:

1— La sekretario laŭtlegis unue la protokolon de la antaŭa kunsido (26a jan 2002, Boletín 354), kiun oni aprobis, kaj poste reviziis la ĝisnunan plenumon de ties decidoj:

a) Fernando Moral akceptis la funkcion ĉefdelegito de UEA por la periodo 2002-2004. (Lia tasko, koncize dirite, konsistas en la kunordigo de la delegita reto de UEA en Hispanio.)

b) Ankoraŭ ne instaliĝis la lineo ADSL.

2— Kotizperanto de UEA: Pedro A. Garrote Escribano, el Valladolid, proponiĝas kiel nova kotizperanto de UEA en Hispanio, funkcio ĝis nun farita de la CO de HEF. Temas pri perado de pagoj por membrokotizoj al UEA, abonoj al "Esperanto" kaj "Kontakto" kaj aliĝoj al UK. Se UEA akceptos la proponon, ĉi jarfine HEF transdonos al Pedro tiujn taskojn.

3— Granda Vortaro de Fernando de Diego: Estis enketitaj diversaj instancoj pri eventuala financado de la eldono, kun



La Prez. ordonis: kravatojn for!

magraj rezultoj ĝis nun. Tamen, per reta konsultiĝo aperis jam pli ol cent antaŭmendoj. Se post kelkaj monatoj ne aperos pli bona solvo, per anoncoj en revuoj oni kolektos antaŭpagojn.

4— Augusto Casquero, reprezentanto de HEF ĉe la komitato de UEA, ne povos ĉeesti la kunsidojn en Fortalezo, Brazilo. Oni serĉas do porokazan anstataŭanton.

5- Hispana Kongreso 2002: Trovinte problemojn por kunordigi nian kongreson kun tiu de SAT, ni decidis apartigi ĝin. La HEF-kongreso okazos en la sama urbo, Alicante, sed en tute alia tempo: de la 1a ĝis la 4a de aŭgusto, en iu "colegio mayor". La aliĝo kostos ĉirkaŭ 100 EUR. La prezo inkluzivos la kostojn de kvartaga loĝado kun matenmanĝo.

7- Nova membro-kategorio. Lige al la projekto aperigi Boletín ankaŭ en la retpaĝaro de la asocio, kun alireblo pere de pasvorto, ni starigos la novan kategorion "simpatianta membro", ne kotizanta, ne ricevanta la paperan revuon, kaj ne enkalkulata por la kotizo de HEF al UEA. Pri ĉi afero okupiĝas Miguel Sancho kaj Marcos Cruz.

8- Por pli bone ordigi la oficejon, oni esploros la koston instali plian ŝrankon similan al la biblioteka ŝranko.

*Prez. Miguel Ángel Sancho*
*Sek. Manolo Parra*

## Balance de Situación

## Federacion Española de Esperanto

Condiciones: importes en pesetas y periodos 2001 y 2000.

| ACTIVO | EJERCICIO 01 | EJERCICIO 00 |
|---|---|---|
| B) INMOVILIZADO | 10.432.368 | 10.663.886 |
| II. Inmovilizaciones inmateriales | 127.884 | 127.884 |
| 5. Aplicaciones informáticas | 127.884 | 127.884 |
| 215. APLICACIONES INFORMATICAS | 127.884 | 127.884 |
| III. Inmovilizaciones materiales | 10.304.484 | 10.536.002 |
| 1. Terrenos y construcciones | 10.000.000 | 10.000.000 |
| 221. CONSTRUCCIONES (OFICINA CEN.) | 10.000.000 | 10.000.000 |
| 3. Otras instalaciones, utillaje y mobiliario | 1.054.263 | 1.050.268 |
| 225. MOBILIARIO | 362.129 | 358.134 |
| 226. EQUIPOS PROCESOS DE INFORMACIÓN | 692.134 | 692.134 |
| 4. Anticipos e inmovilizaciones materiales en curso | 367.984 | 292.984 |
| 232. BIBLIOTECA | 367.984 | 292.984 |
| 7. Amortizaciones | -1.117.763 | -807.250 |
| 282. AMORT. ACUM. INMO. MATERIAL | -1.117.763 | -807.250 |
| D) ACTIVO CIRCULANTE | 1.774.164 | 2.145.952 |
| II. Existencias | 296.191 | 441.075 |
| 1. Comerciales | 296.191 | 441.075 |
| 300. LIBROS PARA VENDER | 296.191 | 441.075 |
| III. Deudores | 619.626 | 472.555 |
| 4. Deudores varios | 619.626 | 472.555 |
| 440. DEUDORES | 43.277 | 10.000 |
| 447. PATROCINAD. AFILIADOS Y OTROS | -5.037 | -7.536 |
| 553. C.C. CON SOCIOS Y ADMINISTRADORES | 581.386 | 470.091 |
| VI. Tesoreria | 858.347 | 1.163.227 |
| 570. CAJA PESETAS | 55.898 | 125.480 |
| 572. BANCOS E INST. DE CREDIT., C.C. VISTA | 802.449 | 1.037.747 |
| VII. Ajustes por periodificación | 0 | 69.095 |
| 480. GASTOS PAGADOS ANTICIPADAMENTE | 0 | 69.095 |
| TOTAL ACTIVO | 12.206.532 | 12.809.838 |

| PASIVO | EJERCICIO 01 | EJERCICIO 00 |
|---|---|---|
| A) FONDOS PROPIOS | 11.879.683 | 12.299.350 |
| I. Capital suscrito | 12.299.350 | 12.373.987 |
| 101. FONDO SOCIAL | 12.299.350 | 12.373.987 |
| VI. Pérdidas y ganancias (Beneficio o Pérdida) | -419.667 | -74.637 |
| 129. PERDIDAS Y GANANCIAS | -419.667 | -74.637 |
| E) ACREEDORES A CORTO PLAZO | 326.849 | 510.488 |
| IV. Acreedores comerciales | 231.935 | 410.086 |
| 2. Deudas por compras o prestaciones de servicios | 231.935 | 410.086 |
| 419. ACREEDORES POR OPERAC. EN COMÚN | 231.935 | 410.086 |
| VII. Ajustes por periodificación | 94.914 | 100.402 |
| 485. INGRESOS ANTICIPADOS | 94.914 | 100.402 |
| TOTAL PASIVO | 12.206.532 | 12.809.838 |

# Manifestacio kontraŭ tutmondigo en Valencio

Okaze de la kunveno de la 15 ministroj pri eksteraj rilatoj de la Eŭropa Unio plus 12 el aliaj landoj de la mediteranea marbordo, ĉefe arabaj, okazis populara surstrata manifestacio en Valencio, la 20an de aprilo, kun partopreno de multaj miloj da pacaj manifestantoj de la tuta mondo, reprezentante ĉirkaŭ 120 NRO-jn kaj aliajn.



Inter la petoj por tutmonda paco, por homa egaleco, por la tuja solvo de la israela-palestina problemo, kontraŭ sovaĝa ekonomia tutmondigo, ktp, videblis la afiŝo kiujn portis lokaj esperantistoj, kun la esperanta flago unuflanke, kaj peto por solvo de la lingva tutmonda problemo ĉe la alia flanko.

*Augusto Casquero*

## Cuenta de perdidas y ganancias

Condiciones: Importes en Pesetas, periodos 2000 y 1999

| DEBE | EJERCICIO 01 | EJERCICIO 00 |
|---|---|---|
| A) GASTOS | 2.164.507 | 2.065.149 |
| A2. Compras | 144.883 | 35.612 |
| Compras de libros | 144.883 | 35.612 |
| 600. COMPRAS DE LIBROS | 0 | 20.000 |
| 610. VARIA. EXISTEN. DE MERCADERIAS | 144.883 | 15.612 |
| A4. Dotaciones para amort. de inmovilizado | 310.513 | 290.250 |
| 682. AMORT. DEL INMOV. MATERIAL | 310.513 | 290.250 |
| A6. Otros gastos de explotación | 1.698.961 | 1.739.287 |
| a) Servicios exteriores | 1.643.330 | 1.651.630 |
| 622. REPARACIONES Y CONSERVACION | 1.785 | 19.710 |
| 623. SERVICIOS DE PROF. INDEPEND. | 58.000 | 116.000 |
| 625. PRIMAS DE SEGUROS | 9.409 | 17.530 |
| 626. SERVICIOS BANCARIOS Y SIMILARES | 46.213 | 46.632 |
| 627. PUBLICID., PROPAG. Y REL. PÚBLICAS | 1.000.573 | 841.937 |
| 628. SUMINISTROS (luz, telefono, Internet, etc) | 104.506 | 238.536 |
| 629. OTROS SERV. (UEA, Comun. Correo, etc) | 422.844 | 371.285 |
| c) Otros gastos de gestión corriente | 55.631 | 87.657 |
| 655. Perdidas de cuotas incobrables | 55.631 | 87.657 |
| AI. BENEFICIOS DE EXPLOTACIÓN | 0 | 0 |
| A7. Gastos financieros y gastos asimilados | 3 | 0 |
| c) Por deudas con terceros y gastos asimilados | 3 | 0 |
| 6690. GASTOS POR REDONDEO DEL EURO | 3 | 0 |
| AIV. RESULT. EXTRAORDINARIOS POSITIVOS | 101.000 | 18.042 |
| AV. BENEFICIOS ANTES DE IMPUESTOS | 0 | 0 |
| A15. Impuesto sobre sociedades | 10.147 | 0 |
| 630. IMPUESTO SOBRE BENEFICIOS | 10.147 | 0 |

| HABER | EJERCICIO 01 | EJERCICIO 00 |
|---|---|---|
| B) INGRESOS (B1 a B13) | 1.744.840 | 1.990.512 |
| B1. Importe neto de la cifra de negocios | 1.583.662 | 1.781.770 |
| a ) Ventas | 123.411 | 243.454 |
| 700. VENTAS DE MERCADERIAS | 123.411 | 243.454 |
| b) Prestaciones de servicios | 1.460.251 | 1.538.316 |
| 705. PRESTACIONES DE SERVICIOS | 64.796 | 48.943 |
| 720. CUOTAS DE USUARIOS. | 43.760 | 38.972 |
| 721. CUOTAS DE AFILIADOS. | 1.275.593 | 1.280.923 |
| 723. INGRESOS COLABOR./CONGRESOS. | 74.935 | 81.392 |
| 726. DONACIONES DE SOCIOS. | 1.167 | 88.086 |
| B4. Otros ingresos de explotación | 60.175 | 190.700 |
| a) Ingresos accesorios y otros de gestión corriente | 26.898 | 10.700 |
| 759. INGRESOS POR SERVICIOS DIVERSOS | 26.898 | 10.700 |
| b) Subvenciones | 33.277 | 180.000 |
| 741. OTRAS SUBVENC. A LA EXPLOTACION | 33.277 | 180.000 |
| BI. PERDIDAS DE EXPLOTACION | 510.520 | 92.679 |
| B7. Otros intereses o ingresos asimilados | 3 | 0 |
| c) Otros intereses | 3 | 0 |
| 7690. INGR. POR REDONDEO EURO. | 3 | 0 |
| BIII. PERDIDAS DE LAS ACTIV. ORDINARIAS | 510.520 | 92.679 |
| B12. Ingresos extraordinarios | 101.000 | 18.042 |
| 778. INGRE. EXTRA. (DEVOL. IMPUESTOS) | 101.000 | 18.042 |
| BV. PERDIDAS ANTES DE IMPUESTOS | 409.520 | 74.637 |
| BVI. RESULTADOS DEL EJERC. (PERDIDAS) | 419.667 | 74.637 |

# Membrara bilanco fine de 2001

Jen la membraro de HEF ĉe la jarfino.

Membro-nombro: 416. Inter ili 2 infanoj, 31 junuloj, 11 patronaj (kotizantaj duoblon), 3 honoraj (ne kotizantaj), 33 dumvivaj (kotizintaj unufoje) kaj 19 grupoj.

Novaj membroj en 2001: 22. Perditaj membroj en 2001: 31. El ĉi lastaj, 4 forpasis. La ceteraj eksiĝis, ĉu eksplicite, ĉu pro simpla ĉeso kotizi.

Novaj membroj en 2001
Eduardo Vargas GutiérrezMálaga
Pablo T. Conesa GarcíaZaragoza
Marco Trevisán HerrazMadrid
Josep Ferrer i ManyàBarcelona
Félix Calvo EsguevaSotillo de la Rib.(Burgos)
Luis Antonio Rey VillaIsla (Cantabria)
María Luisa MenéndezAvilés (asturias)
Gloria Inés Daverio de OroCeuta
Raúl Martínez AnguitaCiudad Real
Recaredo García Rodríguez Madrid
Aníbal Rodríguez HoffmannColmenarejo (Madrid)
Víctor Manuel Macías CaroHuelva
Juan Cristóbal Cerezo LópezValencia
Cristina del CastilloSegovia
Echedey Jorge SantanaLas Palmas de G.C.
Paco RíosMadrid
Leticia Gómez CalderónMedellín (Badajoz)
Gustavo Oria CifriánSantander
Juan Carlos Carazo FernándezMadrid
José García CaraMadrid
Manuel Gomis RubioAlicante
Rafael Arroyo SualdeaAlcorcón (Madrid)

*La sekretario,*
*Manolo Parra*

# Ambaŭ frakcioj, fratece kunaj, por Esperanto!

Koncerne la lastatempan koliziadon inter dur apartaj frakcioj en Esperantujo, mi konsideras interese reliefigi en *Boletín* la ekvilibre formulitan analizon, kiun faris pri tiuj frakcioj, nome: *Raŭmismo* kaj *Finvenkismo*, la Ĝenerala Direktoro de UEA, s-ano Trevor Steele, kiu tiurilate, en revuo *Esperanto* de januaro 2002, manifestis sian saĝan rezonon tiel simple: "Esperanto donas al mi ilon, per kiu mi verkas kaj ĝuas amojn kaj amikojn — mi estas do raŭmisto. Aliflanke, la lingvo ne tiom interesus min, se ĝi ne havus la celon revolucii la kulturon de nia planedo. Finvenkisma fanfaronaĵo? Mi kredas ke ne."

Nu, tiu lia ĝusta krom diplomate konkordiga filozofio, kiun mi, same kiel aliaj HEF-anoj varme apogas, devus ekvesti, jam nun, en la menso de ĉiuj geesperantistoj!

*V. Hernández Llusera*

Ankaŭ la redaktisto de Boletín deziras aliĝi al la ideo prezentita de la eksterordinara verkisto, Akademiano kaj nun Ĝenerala Direktoro de UEA, Trevor Steele.

*Miguel Gutiérrez Adúriz*

# Libroservo de HEF

Resumen de Ingresos y Gastos 2001

Ingresos

| | |
|---|---|
| Anterior | 175.952 |
| Venta de libros | 403.131 |
| Total ingresos | 579.083 |

Gastos

| | |
|---|---|
| Compra de libros | 119.093 |
| Transporte de libros | 11.950 |
| Material de oficina | 7.791 |
| Tasas apartado | 2.500 |
| Registros giro | 810 |
| Sellos | 18.207 |
| Catálogo | — |
| Gastos bancarios | 4.270 |
| Devolución reembolso | 220 |
| Teléfono | 393 |
| Otros | 490 |
| Comisiones | 3.150 |
| Total gastos | 168.874 |
| Saldo | 410.209 |

*Luis Hernández*
*Valladolid, 31 diciembre 2001*

# Jarraporto pri aktivaĵoj en 2001

## Konciza resumo

Aktivaĵoj ĉefe en rilato al la membroj

1.Oficejo

1.1.Administrado de kotizoj kaj servoj. Perado de kotizoj por UEA.

2.Eldonaĵoj

2.1. Boletín

3.Kongresoj

3.1.La Hispana Esperanto-Kongreso okazis en San Javier (Murcia) de la 22a ĝis la 30a de junio.

Aktivaĵoj por la publiko ĝenerale

1.Kursoj

1.1.Naŭ novaj kursanoj aliĝis en 2001 al la perkoresponda kurso.

2.Kunlaboro kun oficialaj instancoj kaj privatuloj

2.1.Hispana Komitato por kunlaboro kun UNESKO. Regula sendado de nia jarraporto pri aktivaĵoj.

2.2.Aŭtonoma Barcelona Universitato. Trimonata Esperanto-kurso organizita de Kultura Asocio Esperantista, kun oficiala valoro de tri kreditoj. (Komenciĝis la 16an de oktobro).

2.3.Vaska Universitato. Instruista Altlernejo. Esperanto-Kurso (De la 12a de februaro ĝis la 30a de majo). 4,5 kreditoj. Organizita de Jesús M. García Iturrioz.

2.4.Universitato de La Laguna. Filologia Fakultato. Kurso de Esperanto, trikredita. Organizita de ESTO.

2.5."Gaceta Universitaria". Traduko en esperanton de kelkaj frazoj.

2.6.Mezlernejo "Cuatro Caminos", Don Benito. José M. Salguero regule instruas esperanton.

2.7.Centro de instruistoj kaj edukrimedoj de Don Benito-Villanueva de la Serena. José Mª Salguero,instruas esperanton al mezlernejaj instruistoj.

2.8.Kongreso Lingvoj kaj Edukado (23a—24a de novembro) organizita de la Ekstremadura Aŭtonoma Registaro, kadre de la Eŭropa Jaro de la Lingvoj. Jose Mª Salguero prezentis referaĵon "Esperanto kaj la internaciaj lingvoj".

2.9.Publika bazlernejo San Juan Bautista (Madrid), maje. Petite de la instruistaro, oni faris atelieron pri esperanto por lernejanoj de la 5a grado, okaze de ilia kultura semajno. La lernejon oni provizis per diversaj informiloj: broŝuroj, revuoj, afiŝoj.

2.10. La entrepreno Inaltel S.A. mendis la desegnon de dulingva (hispana-eo) afiŝo por dekoracii sian standon okaze de la foiro "Expo Comm 2001" (IFEMA, Madrido) de la 19a ĝis la 21a de junio. Oni plenumis la mendon kun la senprofita kunlaboro de la entrepreno Estudios Cruz, S.L.

2.11. Studentoj. HEF kunlaboras sporade kun studentoj kiuj bezonas infor-

mon pri la lingvo aŭ la esperanta movado por plenumi siajn akademiajn taskojn.

3.Disvastigo

3.1.Expolingua. De la 19a ĝis la 22a de aprilo. Triafoja partopreno de HEF en ĉi-tiu foiro. Cele al diskonigo de la lingvo, oni realigis jenajn aktivaĵojn: distribuado de pluraj diverspecaj informiloj, ĉiutaga lotumo de perkoresponda kurso, ekspoziciado de libroj, revuoj, diskoj, ktp., konsultebleco de la HEF-paĝoj, spektado de la video-kurso “Mazi en Gondolando". Miguel Fernández subskribis librojn dumfoire. Miguel Gutiérrez prelegis pri esperanto dum paralela organizita aktivaĵo.

3.2.Astura Esperanto-Asocio partoprenis la 3an Lingvo-Foiron okazintan en Gijón de la 13a ĝis la 16a de marto.

3.3.ESTO partoprenis la Libro-Foiron okazintan kadre de la festaranĝoj de la Aŭtonoma Komunumo de Kanarioj.

3.4.HEF sisteme distribuas la Manifeston de Prago.

3.5.Daŭra distribuado de la broŝuro “Pro-Esperanto” .

3.6.Universitato Carlos III, Colmenarejo (Madrido). Aníbal Rodríguez, gvidas diskutrondon.

4.Donacoj

4.1.Gvatemala Esperanto-Asocio. Oni donacis 10 ekzemplerojn de la vortaro “Sopena”.

4.2.Publika bazlernejo San Juan Bautista, Madrido. Ricevis por la lerneja biblioteko kolekton da e-libroj.

5.Amaskomunikiloj

5.1.Pluraj membroj de HEF estis intervjuitaj de diversaj amaskomunikiloj (Vidu antaŭajn numerojn de Boletín).

6.Internet

6.1.HEF disponas informpaĝojn en interreto pri esperanto, la Federacio, kaj ties aktivaĵoj.

7.Libroservo

Lasta jaro de funkciado.

8.Perado de revuoj

8.1.HEF daŭre peras la revuojn Eventoj, Kontakto kaj Esperanto.

9.Biblioteko

9.1.Alvenis 168 novaj libroj, el kiuj 93 pro la likvido de libroservo. Oni disdonis donace 165 volumojn —duoblajxojn— inter la interesigxintaj grupoj aligxintaj al HEF. Alvenis ankaux 1 kasedo, 1 K-disko, 4 vidbendoj kaj 1 CD-Romo. Lastaj ciferoj pri la biblioteka stato: libroj: 1549; kompletaj aux ne kompletaj jarkolektoj: 923; kasedoj: 24; k-diskoj: 26; vidbendoj: 15; CD-Romo. 1; aliaj: 23. La biblioteko estas libere alirebla kaj ĉiu HEF-ano havas pruntorajton.

10.Aliaj aktivaĵoj

10.1.Akademio de Esperanto. Miguel Gutiérrez, redaktoro de “Boletín”, membro kaj estrarano de HEF, estas akademiano.




La investoj de la Fondaĵo Esperanto dum la pasinta jaro ne produktis sufiĉajn interezojn. Do, bedaŭrinde, la agad-plano de FE por la jaro 2002 ne enhavas mon-subvenciojn al agadoj kiel instruo de la lingvo universitat-nivele, partopreno de nia movado kadre de foiroj kaj ekspozicioj aŭ eldono de libroj, kiel jam okazis en pasintaj jaroj.

Kompreneble, tiu manko de disponebla mono ne signifas absolutan foreston de agado fare de la Fondaĵo. Ĉi tiel, FE donacos konkretan nombron da libroj al ĉiu organizanto de E-kurso en Universitato, pri la titoloj de tiu stoko ni informos venontnumere. Same, ni deziras reinvesti la monon kiun ni atingis pro la disvendado de la libro "La Kosmo kaj Ni, Galaksioj, Planedoj kaj Vivo en la Universo", kies kunaŭtoroj estas David Galadí-Enríquez kaj Amri Wandel, kaj kiu estis kuneldonita de la Fondaĵo Esperanto kaj de Flandra Esperanto-Ligo.

Pro tio, ni invitas ĉiujn hispanajn esperantistojn prezenti manuskriptojn al la Fondaĵo. Post konsidero de ĉiuj verkoj prezentitaj, ĉu originalaj en Esperanto aŭ pri Esperanto, ĉu tradukoj de hispanaj literaturaĵoj, la Estraro de la Fondaĵo Esperanto elektos la eldonotan libron. Se vi deziras prezenti al ni vian manuskripton sendu ĝin al unu el jenaj adresoj:

— Fundación Esperanto; C/ de la Cadena 20-22 1 iz; E-5001 Zaragoza.

— Fundación Esperanto (Dirección); Apartado de Correos 3142; E-14080 Córdoba

Pasintjare la Fondaĵo redaktis hispanlingvan informon pri la eblecoj instrui Esperanton en la hispanaj universitatoj. La dosieron oni ellaboris surbaze de la jam ekzistantaj kursoj de Valencio, Baskio, Barcelono kaj La Laguna. La informon, broŝurforme, ni deziras proponi al ĉiuj hispanaj grupoj aŭ interesatoj. En oni informas pri la maniero peti la organizadon de tiuj universitataj kursoj. La hispanlingva broŝuro estas tute senpaga kaj se ĝi interesas vin sendu vian peton al unu el jenaj adresoj: Fundación Esperanto (Dirección); Apartado de Correos 3142; E-14080 Córdoba; Rete: <fundacion_esperanto@hotmail.com>.

Fine, ni deziras denove informi al ĉiuj hispanaj esperantistoj kaj al la amikoj de Esperanto pri niaj banko-kontoj. Memoru ke vi rajtas peti la konkretan uzon de via mon-donaco al iu programo de la Fondaĵo (tiel, helpo al la kursoj, eldonado de libroj...) aŭ proponi vi mem alian agadon realigeblan per via monhelpo.

Iber-Caja 2085-0101-13-286247-62

La Caixa 2100-2149-31-0100165085

*José María Rodríguez Hernández*
*Patrono-Direktoro*



# Niaj Grupoj kaj Asocioj

## Andaluzio

* Pasintan 28an de februaro, Esperanta Jura Asocio, kunlabore kun Andaluzia Esperanto-Unuiĝo ekfunkciigis la novan TTT-paĝon de la jura organizo. Ĝi legeblas ĉe jena adreso: <http://es.geocities.com/ejaaeu/index.htm>. En ĝi la interesatoj pri juraj aferoj povos legi informojn, ofte renovigataj, pri juraj kazoj tutmonde famaj; pri lastmomentaj dokumentoj kaj esperant-lingvaj tekstoj pri internaciaj aferoj. Kompreneble, ankaŭ troviĝas tie ĉiuj informoj pri Esperanta Jura Asocio.

* Andaluzia Esperanto-Unuiĝo baldaŭ renovigos sian paĝon ĉe Interreto. Ni deziras prezenti pli aktualajn informojn pri Esperanto al la andaluzaj interesatoj kaj ankaŭ proponi allogan bildon de Andaluzio al ĉiuj esperantistoj en la tuta mondo. Pro tio ni kontaktis la turisman servon de la andaluzia registaro, kiu rapide rajtigis nin uzi la tekstojn kaj la belegajn fotografaĵojn ekzistantaj sur ĝia TTT-paĝo. Ni esperas, ke la fina rezulto estos altkvalita prezento kaj ke ĝi utilos por diskonigi Esperanton en Andaluzio kaj Andaluzion en Esperantio.

*José María Rodríguez*

## Asturio

De la 11a ĝis la 15a de marto okazis en Gijón la 4a Festo de la Lingvoj. Denove tiu kultura aranĝo eblis danke al la apogo de publikaj kaj privataj institucioj kaj aŭtoritatoj de la regiono.

La Esperantista Grupo, kiu partoprenis informante pri la Internacia Lingvo Esperanto, emfazis, ne nur en la oficiala mesaĝo de la Festo sed ankaŭ en la diversaj kontaktoj faritaj ĉe la stando, la bezonon de neŭtrala lingvo. Cetere, ni






prezentadis praktikan pruvon pri la lerno-facileco de la Internacia Lingvo, uzante tiucele lerno-materialon speciale preparitan por la okazo. Ja en ĉi tiuj eventoj ne eblas longe paroli ĉar la fluo de vizitantoj estas vigla kaj intensa.

En la lasta tago de la Festo, S-ino María del Mar Pescador, membro de nia E-Asocio, prezentis prelegon pri Esperanto sub la titolo "Neceso je komuna lingvo". Ŝia parolado reliefigis la fakton ke la nuna situacio de la mondo, ankaŭ sur la lingva tereno, estas klara ekzemplo de kultura imperiismo fare de la granda —angleparolanta— superreganta potenco sur la tuta planedo.

Nu, Astura E-Asocio intencas daŭre informi pri la plej racia solvo de komunikado pere neŭtrala komuna lingvo facile lernebla. Eĉ kadre de evento kies ĉefa trajto estas promocii la malfacilan kaj multekostan solvon de la plurlingvismo, t.e. ke ĉiu persono lernu unu aŭ plurajn fremdajn lingvojn krom la propra.

*Santiago Mulas Gallego*

## Kanariaj Insuloj

Nova universitata kurso gvidata de profesoro Alejandro López de Vergara komenciĝis en La Laguna (Tenerifo) la 19an de februaro. Al la kurso, kvara en la nova epoko, aliĝis la maksimuma nombro de studentoj, t.e. 30.

*El EeH*

## Katalunio

* La Autonoma Registaro de Katalunio eldonis turisman broŝuron, 16 paĝa, tre bele ilustrita. granda formato 45 x 35 cm. en kvin lingvo inter ili Esperanto.

Respondas pri la esperanta teksto s-ro Martí Guerrero. Mendu senpagan ekzempleron ĉe: S-ino Cap de Secció de Publicacions; Direcció General de Turisme; Generalitat de Catalunya; 08080 — Barcelona; rete: <mllanos@correu.gencat.es>.

*Salvador Aragay*



Angulaspekto de ĵus aperinta turisma informilo pri Valencio

* La supera kurso de Barcelon E-Centro komenciĝos la 3an de aprilo en *C.C. Casinet d' Hostafrancs,* Rector Triadó 53, salono 1, kaj ĝi okazos ĉiumerkrede je la 19:30.

* En la 114a numero de la Ĝenerala Informilo de BEC, la geedzoj Salvador Aragay kaj Josefina Girona adiaŭas la klientaron de Librejo Esperanto, ĉar ili ĉesos administri ĝin de la 1a de aprilo. Cetere, ili dankas al UEA, HEF, KAE kaj al ĉiuj E-Kluboj de Hispanio pro ilia helpo, kunlaboro kaj subteno en la lastaj 25 jaroj.

*El ĜI de BEC*

* Ĉe *Vegetara Centro Deltell* de Valldoreix okazis la 17an de marto la babilado kies temo estis "La naturo".

* La civita eduko en nia socio, precipe la junularo" estos la temo de la babilado organizata de KAE kaj okazonta en Barcelono (Stacidomo Clot) la 21an de aprilo de la 11a ĝis la 13a horo.

* La 10a Internacia Internacia Esperanto-Semajno okazos en Cambrils Tarragona, Hispanio, de la 19a ĝis la 26a de oktobro 2002. La programo estos varia, kun prelegoj, festoj, busaj kaj ŝipaj ekskursoj, eventuale ILEI ekzamenoj kaj kursoj.

Cambrils, ĉemara urbeto, situas proksimume 100 km. for de Barcelono, kaj proksima al ludparko "Port Aventura". La aliĝkotizo ĝis fino de julio estas 21 eŭroj, poste 24 eŭroj.

Ĉiuj aranĝoj okazos en Hotelo Daurada Park: 30 eŭroj po persono kaj tago, tri manĝoj inkluditaj (duobla ĉambro); 36 eŭroj po persono kaj tago, tri manĝoj inkluditaj (unuopa ĉambro). Pliajn informojn vi ricevos de Santiago Torné; Apartat 423; ES-08200 Sabadell. Tel: 937-253-421; 937275021. Faksilo: 937-314-111; Retadreso: <luis_serrano@e-milio.com>.

*Luis Serrano*

Iru al 19a pago >>>>>



# Expolingua: ne atendita ĉeesto



Faŝado de la foirejo

Kiel sciate la planoj de HEF rilate al sia partopreno en la lingvofoiro "Expolingua" limiĝis post profunda analizo al ĉiu dua jaro, ĉefe pro manko de financaj rimedoj. La provo atingi subvenciojn de oficialaj instancoj absolute vanis dum tri jaroj, kaj la subvencioj ricevitaj de E-fondaĵoj, eĉ se tre bonvenaj kaj dankendaj, estas tamen ne sufiĉaj por ke la la asocio povu senprobleme plenumi aliajn elspezojn ankaŭ bezonatajn por la disvolviĝo de ĝia ĝenerala aktivado.

Tiel statis la afero, kiam la 1an de aprilo surprize telefonis al HEF la organizanto de Expolingua ofertanta senpagan budon de 6 m2, inkluzive meblaron kaj elektron. Demandinte kial senpage, ni ricevis la respondon, ke ili tiom amas



Parta aspekto de la ĉi jara stando. Ne granda sed tre... maldara!

nin. Facile tamen supozeblas ke ne vendiĝis ĉiuj spacoj, kaj Esperanto iel buntigas la foiron.

Nu, ĉu akcepti au rifuzi? Ĉar la foiro estis okazonta inter la 11a kaj la 14a de aprilo, jen unuflanke malpli ol dek tagoj por organizi la tuton. Sed aliflanke ne decus diri ne al tiaspeca ne petita "subvencio", konsiderante ke tiom malmulte ni atingas el la ekstera mondo kaj ke ia muntaĵo, eĉ se povra, bonus pli ol nenia ĉeesto.




Abundaj kontaktoj!
La plej junaj surpriziĝas pri la ekzisto de Esperanto kaj ties signifo.




Ana Manero, Toño del Barrio kaj David Trigo esperantumas ĉe la stando.

Konsultinte la estraron retpoŝte, kaj post kompreneble jesa respondo, la kutima skipo komencis la laboron.

La sperto de pasintaj fojoj multe faciligis la ĉijaran aranĝon kaj, sen grandega laboro, ni disponis jam plurajn informilojn kaj materialon diversan por montri kaj vendi.

Nia budo konsistis el sesono de dividita sesangula standego, kio signifas, ke la spaco disponebla estas triangulo dumura, kies tria flanko permesas la aliron de la publiko. La kompletan standon oni nomis dumfoire *El kiosko de las lenguas* (la lingvo-kiosko). La budo havis tribretan bretaron kaj montrotablon, do, ne grandan spacon por eksposicii, kio devi-



Iom kaoseta bretaro!
Ĉiam ni volas montri kiel eble plej multe da esperantaĵoj.

gis nin elekti inter la videilo (por montri la vidbendon Mazi), kaj la komputilo (por montri la HEF-paĝaron). Ĝia pli malgranda volumeno favoris la unuan.

Kiel novaĵo ni prezentis haste pretigitan flugfolion pri ĉiaspecaj esperantaj TTT-ejoj, surbaze de simila informilo "Esperanto-Panoramo", aranĝita de la



Unu laboras, tri pozas.
Tipe hispana!



Plurspecaj informiloj kaj la jam tradicia vidbenda kurso Mazi.

franca junularo kaj kies originala formo troviĝas en la retadreso:

www.esperanto-panoramo.net

Ĉi jare ne eblis organizi loton surbaze de la ludotesto, sed per minimuma manipulado tiu flugfolio aliiĝis en plian informilon.

Denove Esperanto vekis intereson, surprizon, kaj eĉ rifuzon —kial ne diri— inter la publiko; sed estas ja pozitiva atingo, ke serioza entrepreno kia *Fundación Actilibre*, kies tasko estas organizi seriozan eventon movantan tiom da mono kaj da homoj, konsideras Esperanton inda je ĉeesto tiukadre.

*Ana Manero*

---

Deĵoris ĉe la stando: Juan Carlos Carazo, Marcos Cruz, Juan del Castillo, Ana Manero, Miguel Gutiérrez, Fernando Morál, Manolo Pancorbo, David Trigo, Toño del Barrio, Miguel A. Sancho, Manolo Parra.

---

# Madrido

* Ĉe la fako "leteroj de legantoj" aperis la 12an de aprilo en la metroa ĵurnalo "20 Minutos", leteron subskribitan de Maria Uceda, sub la titolo *Viva el esperanto!* (Vivu Esperanto!) La sama letero aperas samtage en ĵurnalo ABC, tamen sub la titolo *Una lengua neutra*l (Neŭtrala lingvo). La letero mencias la foiron Expolingua kaj pledas por la lingvo Esperanto kiel solvo al la lingva problemo.

Ankaŭ aperis letero de Miguel Angel Ruiz Jimenez, en la ĵurnalo "20 minutos", responde al la letero de María Uceda

*FiFo*

# Valencio

* En la 90aj jaroj Grupo Esperanto de Valencia ricevis helpo-peton de la estroj de la Valencia Urba Biblioteko, por katalogado de granda kvanto da E-libroj kaj dokumentoj, entute ĉirkaŭ 800 titoloj.

La libroj, trovitaj en malnovaj skatoloj en kelo de la Valencia Urbodomo, konsistigis la iaman Bibliotekon de la Valencia E-asocio, malaperintan en la Hispana Intercivitana Milito (1936-39).

Inter tiu materialo troviĝas unikaĵoj, ne nur libroj, sed muziko, gazetoj, diversaj dokumentoj (inter ili la protokollibro de la loka E-asocio, ege bela).

Nun, post la katalogado kun la helpo de diversaj valenciaj esperantistoj, la biblioteko konsulteblas pere de la reto.

Por konsultado de la 649-titola elektronika katalogo oni procedu jene:

1.- <www.ayto-valencia.es/ayuntamiento2/ndnoticias.nst>.

2.- Elektu "webs municipales".

3.- Elektu "Biblioteca Municipal Central".

4.- Elektu "Biblioteca Central".

5.- Elektu "Catálogo".

6.- En la linio "Materias" skribu "esperanto".

7.- Kliku sur "buscar". Aperos 10 titoloj.

8.- Kliku sur "mostrar todos" (montri ĉiujn).

* Aperis turisma esperanta broŝuro pri Valencio. Ĝi estas kolora, tre bele presita kaj tre ampleksa. Mendu ĝin ĉe: Oficina de Turismo; Plaza Ayuntamiento, 1; 46001 Valencia. Aŭ ĉe: Tel. 96-351-04-17; <turisvalencia@turisvalencia.es>.

* La 18an kaj 19an de majo okazos en Vall d'Uxó (Castellón) la 13a Kongreso de Valencia Esperanto-Federacio kaj Murcio". Informoj ĉe: <www.infonegocio.com/augustocasquero>.

*Augusto Casquero*




## Nekredeble, sed vere!

Ĉiun dekan minuton, tage kaj nokte dum la tuta jaro, oni akiras esperantan libron. Jes, konstante kreskas la intereso pri la elektronikaj libroj en eLibrejo, kiu disponas jam 176 titolojn. La plej lastaj: la duvoluma romano "Quo vadis?" de la pola aŭtoro Henryk Sienkiewicz (750 pĝ). La eLibroj akireblas senpage ĉe: <http://esperanto.nu/eLibrejo>.

## Monda universitato

Invitite de Brazila Esperanto-Ligo, D-ro Adonis Marcelo Saliba Silva akceptis la taskon kunordigi laborgrupon por ellabori projekton pri virtuala esperanta universitato.

Laŭ la projekto, la Monda Universitato — jen la nomo de la virtuala lernejo, kiun gastigos la nova paĝo de BEL, disponigos al e-parolantoj kiel eble plej multnombrajn kursojn pri la plej diversaj branĉoj de la homaj konoj.

BEL elektas nomojn el la plej elstaraj geesperantistoj de la tuta mondo por kontribui ne nur al la finpretigo de la propra projekto, sed ankaŭ por partopreni en la estonta etato de la institucio.

Monda Universitato respondos, per si mem, al unu el la plej gravaj demandoj pri Esperanto, nome, pri ties utileco. Ĉiuj esperantistoj estas invitataj viziti la provizoran paĝon de la Monda Universitato ĉe <http://www.astrale.com/mu>.

Al tiuj, kiuj emas fari sugestojn pri la projekto, estas petata kontakti D-ron Saliba per la adreso: <mondauniversitato@astrale.com>, kopie al <bel@esperanto.org.br>

*BEL*

## Internacia E-Muzeo en Vieno

Se la esperanta komunumo volas daŭre disponi la altkvalitan retpaĝon TROVANTO de la Internacia E-Muzeo en Vieno ĉe la Nacia Austria Biblioteko, evitante ke la aŭstra ŝtato ĝin nuligos, oni devas nepre uzi la servon per regula konsultado.

<www.onb.ac.at/sammlungen/plansprachen/index.htm>

*Mag. Helga Farukuoye*






En Boletín 356
vi povos legi pri
esperantista
urbestro de Madrido!
Kaj
esperantista
Prezidanto
de Hispanio!
Ĉu nekredeble?
Tute ne.
Vi legos pri tio
Kaj pri aliaj interesaĵoj.






## La Papo en Esperanto

La 31an de marto, okaze de la ĉi jara pasko, la Papo uzis denove esperanton por sia beno "Urbi et orbi", kaj sur la televidekranoj vidiĝis granda flago sur kiu legeblis "Esperanto". La sukceso en la placo Sankta Petro rezultas el la iniciato de Giovanni Conti, kandidato de la Blanka Listo al la Senato de la Esperanta Civito.

*HeKo*

## Laborbrigado en Svedio

La sveda esperantistaro invitas gejunulojn partopreni someran laborbrigadan en Lesjofors (okcidenta Svedio) de la 24a de junio ghis la 13a de julio. La laboro temas pri renovigo en la junulargastejo, gharden-laboroj ktp. Dum la unua semajno okazos diversnivelaj internaciaj kursoj de Esperanto. Informas: Torun Jansson, TEJO-komisiito pri laborbrigadoj <torun@barnen.nu>.



# Forpasis



La 24an de februaro forpasis nia kara samideano Luis Hernandez Yzal (1917—2002).

Li esperantistiĝis en la jaro 1956a, kaj tute inklina al la historiaj studoj li baldaŭ komencis kolekti dokumentojn por sia privata arkivo. En la jaro 1968a li fondis Muzeon de Esperantaĵoj en sia propra hejmo en Sant Pau d'Ordal (Barcelono), okaze de la Deka Barcelona Esperantista Renkontiĝo okazinta en tiu vilaĝo. Post ioma tempo, la materialo kolektita estis tiel abunda, ke li decidis konstrui domon nur por la Muzeo, kaj en la jaro 1974a oni inaŭguris ĝin la 12an de Majo okaze de la 26a Kongreso de IFEF. Li estis plurjara ĉefdelegito de UEA en Hispanio, fondis la premion "Klara Silbernik", aktivis en la katolika Esperanta Movado, plurfoje prelegis pri Esperanto, en 1984 organizis en Vilafranca del Penedés "Mediteranean Konferencon de Esperantologio". Estis Honora Membro de UEA kaj, kiam Hispana Esperanto-Federacio translokiĝis al Barcelono laŭ decido de la Cartagena Kongreso en la jaro 1985a, li fariĝis ĝia Vicprezidanto.



Grandan honoron al li!

Kaj nian sinceran kondolencon al Teresa, lia vidvino.

# Kiel Córdoba fariĝis Kordovo

Nia elstara samlingvano Antonio Valén estas la aŭtoro de artikolo, aperinta en *Boletín*, kie li komparas kelkajn nacilingvajn vortojn kun iliaj tradukoj en esperanto. Unu el tiuj vortoj estas la loknomo "Kordovo" kaj nia amiko Valén petas pli ampleksan klarigon de ĉi tiu etimo. Nu, ĉar esperantisto kaj ĉefe ĉar kordovano mi mem provos klarigi la originon de la nomo de mia urbo *Córdoba* kaj ĝian esperantigon kiel Kordovon.

Ne eblas ĝuste fiksi la daton de fondiĝo de ĉi tiu andaluza urbo, sed tutcerte ĝi estis la loko kie sidiĝis ibera tribo. Alvenis poste turduloj kaj turdetanoj kaj, en la jaro 206 a.K., la legioj de la pretoro Lukio Marko, kiuj, enirinte en la iberan duoninsulon okaze de la militoj kontraŭ Kartago, konkeris la urbon. La romianoj respektis la iberan nomon *Corduba*, iuloke mi legis, ke la vorto signifas "loko kie abundas oro", tamen mi opinias, ke tio havas nenian seriozan sciencan fundamenton, ĉar neniu historiisto tion subtenas kaj pro la fakto ke la ibera lingvo ĝis nun ne estas komprenata. Tamen ja tutcertas, ke la zono estis riĉa je mineraloj, kvankam ne oro, kaj ke ĝi estis tre grava por la komerco, ĉar ĝi estis la lasta punkto atingebla de ŝipo tra la Granda Rivero, hodiaŭ Gvadalkiviro, tiam *Betis*. En la jaro 152 a.K. la pretoro Klaŭdio Marcelo ŝanĝis la situon de la urbo kaj establis ĝin pli proksime al la rivero. De tiam la urbo nomiĝis *Colonia Patricia Cordubensis*.

En la jaro 711 la araboj konkeris la urbon, kies nomo, *Corduba*, ŝanĝiĝas nur rilate al la prononco kaj skribado. De tiam la urbo estis konata kiel قُرْطُبَة aŭ *Qurtuba*. Kelkaj historiistoj preferas skribi *Kurtuba*-n, same kiel oni povas skribi hispanlingve *Irak* aŭ *Iraq*. La kutimo de la araboj estis ne ŝanĝi la nomon de la lokoj okupitaj. Ili nur arabigis la nomojn de la romiaj aŭ visigotaj urboj. Tiel, la romia *Hispalis* estis la araba *Isbiliya*, *Emerita Augusta* fariĝis *Marita*, ktp. Ne necesas diri, ke dum multaj jarcentoj *Qurtuba* estis la ĉefurbo de la araba kalifejo Al-Andaluso. Tiuepoke la famo de la urbo atingis eĉ la lastan punkton de la okcidenta kaj orienta mondoj, kaj multaj ambasadoroj de ĉiuj regnoj vizitis la araban *Qurtuba*-n kaj la apudan urbeton *Madinat Al-Zahra*, kie loĝis la kalifo.

En la jaro 1236 la kastilia reĝo Ferdinando la 3a konkeris la urbon. Komenciĝis tiam rapida defalo de la kultura kaj politika graveco de *Qurtuba*, kiu de tiam renomiĝis *Córdoba*. Tamen, malgraŭ tiu

dekadenco, la novaj kastiliaj aŭtoritatuloj respektis la arabajn monumentojn, kaj tiel la impona araba moskeo estis fiere respektata kaj eĉ fariĝis la sidejo de la kristana katedralo. Kiel dirite, la urbo renomiĝis *Córdoba*, tamen la kastilia lingvo ankoraŭ ne estis definitive formita, kaj multaj vortoj povis aperi laŭ la aŭtoro, kaj / aŭ la epoko, sub malsamaj formoj. Unu el tiuj vortoj estis la loknomo *Córdoba*, kiu ankaŭ aperis sur tekstoj kiel *Córdova*. De la jaro 1.300 ĝis 1.800 ni povas trovi en malsimilaj tekstoj jen unu jen alian formon.

Tiel en 1.344 Don Diego Jiménez de Rada skribis: *e quando andava la era de los moros e ciento e sesenta e nueve años, començo este Anderrahame a fazer el fundamento para la mezquita de cordova, e ençimola en vn año*. En tiu sama jarcento (la 14a) la Infanto Don Juan Manuel skribis: *entonces, porque la mezquita de cordoba no estaba acabada, añadió en ella aquel rey toda la labor que allí faltaba y acabóla*. Same, en la jaro 1.552 la Licenciito Andrés de Torres verkis la "*Descripción de la Santa Yglesia de Córdoba*" kaj en 1.677 la Doktoro Enrique de Baca de Alfaro redaktis la "*Descripción y Noticia del templo material de la Santa Yglesia de Cordova*". Identa afero okazis rilate la familiajn nomojn. Tiel, la Granda Kapitano, milita heroo naskiĝinta en Kordovo, aperas en kelkaj verkoj kiel Gonzalo Fernández de Córdoba kaj aliloke kiel Gonzalo Fernández de Córdova. Alia pruvo estas la kunekzisto de la toponomia nomo Córdoba / Córdova en la novaj kontinentoj. Pli ol 50 urboj kun ĉi tiu nomo ekzistas tra Ameriko kaj Filipinoj, kaj apud *Córdoba* en Argentino, Meksiko, Kolombio aŭ Filipinoj, ekzistas *Córdova* en Alasko, Tenesio, Kalifornio aŭ Ĉilio. La kunekzisto de ambaŭ formoj en la hispana lingvo finiĝis komence de la 19a jarcento, kiam definitive Córdoba oficialiĝas kiel la nomo de la urbo, kvankam la familia nomo *Córdova* ankoraŭ ekzistas, ekz. en multaj nobelaj titoloj kiel ĉe la Duko de *Feria* kiu nomiĝas Fernández de Córdova.

Rilate aliajn lingvojn, la adopto de la toponomia nomo de la urbo okazis en la okcidentaj lingvoj post la konkero de la urbo fare de Kastilio. Do, la nomo Kordovo en la lingvoj angla, franca, itala, germana... ne devenas rekte de la romia originala etimo, sed de tiu kastilia. Ĉi tiel, en preskaŭ ĉiuj okcidentaj lingvoj la formo uzata por nomi la urbon estas tiu kun finaĵo AV, ekz: angle: *cordova*; france: *cordoue*; itale: *cordova*; germane: *kordova*...

Kompreneble, la araba lingvo daŭre uzas la nomon arabigitan de la al-andalusa kalifa urbo, t.e. *Qurtuba*.

Rilate internaciajn lingvojn, krom en esperanto, mi trovis la nomon de la urbo nur en Ido: *Kordova* kaj en Interlingua: *Cordova*.

Kaj en esperanto? Nu, organizita e-movado ekzistas en ĉi tiu urbo jam en la jaro 1.910. Mi ne posedas, nek ĝis nun



vidis, tiutempan dokumenton kun la nomo de la urbo esperantigita. Sur E-revuoj, ĉefe en "Esperanto", la urbo aperas okaze de prelegoj kaj kursoj, kaj ĝi ĉiam estas nomata *Cordoba*. En 1.919 en dokumento pri la movado en Andaluzio aperas kiel Cordobo, tamen ĉi tiu vorto, laŭ la esperanta fonetiko, tute ne rilatus kun la originala formo hispana. Sur la unuaj eldonoj de la librometodo "*Esperanto al Alcance de Todos*" de Fernando Soler aperas, ene de ĉapitro rilata al leteroj, jena teksto "Cordoba 31 januaro 1910", sed post kelkaj eldonoj la aŭtoro anstataŭigis la frazon per "Kordovo 31 januaro 1910". Ankaŭ, en la jaro 1.924 la E-grupo de la urbo oficiale nomiĝis "Esperantista Grupo Kordova", kaj unu jaron poste en 1.925 la formo "Kordovo" aperas multfoje okaze de la 3a Iberia Kongreso de Esperanto kiu okazis en la urbo.

Sendube, en la nomigo de la urbo kiel Kordovo, anstataŭ Kordobo, multe influis la fakto ke en la plejmulto de la lingvoj, sur kiuj baziĝas Esperanto, oni uzas la formon VO-n anstataŭ BO. Same okazis rilate aliajn urbojn, ekzemple la aragona *Zaragoza* aperas en la unuaj jardekoj de la disvastigo de Esperanto kiel Saragoso konforme al la formo *Saragossa* en la franca, angla kaj germana lingvoj kaj *Saragossie* de la pola lingvo. Ankaŭ la portugala Lisbono, kies originala portugala nomo estas Lisboa sekvas en esperanto aliajn formojn devenintaj de la angla *Lisbon*, la franca *Lisbonne*, la germana *Lisbon* aŭ eĉ la pola *Lizbona*.

Post la hispana milito la Esperanto-Movado suferas jardekojn da silento en Kordovo, do la nomo de la urbo preskaŭ ne aperas en la revuoj. Tamen, kiam tio okazas, ĝi ĉiam aperas sub la originala formo *Cordoba*, kvankam okaze de la Hispana Kongreso de Esperanto de la jaro 1.959 okazinta en Malago oni mencias la urbon kiel Kordobo. En la jaro 1.981 naskiĝis junulara grupo ĉe gimnazio de la urbo, bazo de la nuntempa E-movado de Kordovo, kaj post komuna decido oni decidis uzi la vorton Kordovon por respekti nian historion kaj akorde al la Plena Ilustrita Vortaro, kie aperas la vorto kun la jena difino: "nomo de pluraj urboj i.a. de hispana ĉe Gvadalkviro". Kiel kuriozaĵo oni povas diri, ke oficiale en la Esperanto-Movado ekzistas du asocioj kun preskaŭ identa nomo "Kordova Esperanto-Asocio" en Andaluzio kaj "Kordoba Esperanto-Asocio" en Argentino, du asocioj kun samaj celoj, preskaŭ egalaj nomoj kvankam miloj da kilomentroj inter ili.

*José María Rodríguez Hernández,*
*kordovano kaj esperantisto.*

# Amikejo

Inter tiuj kiuj vidis aŭ profetis en la esperantistaro — popolon, estas la franco Gustave Roy (1869, 5.11.1943) kiu, en 1908, fondis en la neŭtrala teritorio Moresnet (inter Germanio, Belgio kaj Nederlando) la "esperantan Ŝtaton" Amikejo.

Li naskiĝis en Carmaux (Tarn), fariĝis kolegia instruisto pri la germana kaj hispana en Saint-Girons (Ariège, ĉe la Pireneoj), kie li verŝajne esperantistiĝis, en 1902 (aŭ jam iom antaŭe?). Iam, antaŭ 1906, li renkontiĝis kun d-ro Wilhelm Molly, vic-urbestro de la 337-hektara Neŭtrala Moresneto, el kies ĉ. 4000 loĝantoj, 135 baldaŭ eklernis Esperanton.

Zamenhof skribis ali li (1907.12.18): "Kara Sinjoro, viajn du artikolojn mi legis kun granda intereso. La ideo tre plaĉas al mi. Se ĝi povus esti plenumita, ĝi estus, laŭ mia opinio, tre grava akiro por la interna ideo de la esperantismo."

Li tiam verkis kaj eldonigis de la pariza "Librairie de l'Esperanto" du broŝurojn. La unua, en la franca, verŝajne komence de 1908 "Moresnet-Neutre : Projet réalisable en six mois d'un Etat Espérantiste indépendant" (Projekto, realigebla en ses monatoj, de sendependa esperantista Ŝtato), estis sekvata, post kelkaj monatoj, de 12-paĝa esperantlingva broŝuro: Kiel Neŭtra (tiele!) Moresneto fariĝis Amikejo.

Okazis simbola fondo (en kiu plej probable ĉeestis, plie de la "neŭtralaj", belgaj, germanaj kaj nederlandaj, kvindek francaj kaj hispanaj gesamideanoj*), kun kanto de la "himno de Amikejo"

(*Propran hejmon havas Esperanto nun en nia bela Amikejo...*, de s-ro Peka-Keller) la 13an de aŭgusto 1908, ĵus antaŭ la 4a UK en Dresdeno, kie Gustave Roy sukcesis pledi por la nova Ŝtato ĉe la 3a ĝenerala kunsido. Ŝajnas ke eĉ estis decidita la translokigo de la internacia Esperanto-oficejo de Ĝenevo al Amikejo: tio ĉi devis okazi fine de novembro aŭ komence de decembro de la sama jaro, sed finfine ne efektiviĝis (oni ne scias kial). Tamen okazis 150-homa Esperanto-festo la 27an de decembro.

Verŝajne Edmond Privat aludis Amikejon en sia poemo "Sur vojo de l'vivo": "Ni revon mirindan komencis sen limo // pri lando eterna de paco kaj ĝojo..." (publikigita en Ĝenevo en 1912, en lia poemaro Tra l'silento.)



"Insulo de la Rosoj" sendependa esperantolingva ŝtato

V. Devjatnin —iam inter la "Tutruslanda Esperanto Kongreso (1910) kaj la krakova UK (1912), do mallonge— "fariĝis unu el la oficistoj de la Esperanto-entrepreno en la belga "Neŭtra[la] Moresnet", kiu alvokis esperantistaron aĉeti en ĝi ter-parcelojn..." (laŭ S.A. Koviĉ, Heroldo n-ro 1471 (1969.5.16), p. 2b.). Sed la 4an de aŭgusto 1914, la prusaj trupoj invadis kaj ekokupis

Neŭtralan Moresneton: jam ĉesis la mallonga ekzisto de Amikejo, nur kvinjara esperanta Ŝtat(et)o...

La sekva provo estos ankoraŭ pli efemera: temas pri la Libera Teritorio "Insulo de la Rozoj", deklarita sendependa ŝtato la 22an de junio 1968 sed okupata de la itala polico jam la 26an. La artefaritan insulon, kvankam konstruitan de Giorgio Rosa ekster la italaj teritoriaj akvoj, italaj militaj maristoj baldaŭ detruis, kontraŭe al la internacia juro.

*Christian Lavarenne okaze de la Tago de la Esperantaj Pioniroj*

* Laŭ Prof. Gustave Roy: "Ni revenos, diris ankaŭ la 50 francaj kaj hispanaj karavananoj..." ("Amikejo: I - Lando kaj homoj", en Belga Esperantisto, nov.-dec. 1908, p. 33.)

*HeKo*

# VERONA 2002

**5a Eŭrop-Unia Esperanto-Kongreso**

23 — 28 aŭgusto 2002

A L I Ĝ I L O

Familia nomo: . . . . . . . . . . . . Persona nomo:. . . . . . . . . . . . . . viro/virino

Adreso: (nacilingve, latinlitere). . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

Lando:. . . . . . . . . . . . . . . . Tel.-n-ro (kun prefikso) . . . . . . . . . . . . . .

Faks-n-ro . . . . . . . . . . . . . . e-poŝto: . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

Junuloj (ĝis 30-jaraj), kunuloj de kongresanoj kaj handikapuloj pagas reduktitan kotizon. Por ĉiu aliĝperiodo sekvas la kotizoj laŭ kategorioj en la jena ordo:

| Aliĝ-kotizoj | 1 (Ordinara) | 2 (Reduktita) |
|---|---|---|
| ĝis 31 mar. 2002 | 80 € | 40 € |
| ĝis 31 maj. 2002 | 90 € | 45 € |
| Poste | 100 € | 50 € |

(Infanoj ĝis 10-jaraj kaj akompanantoj de handikapuloj aliĝas senpage)

Mi pagis . . . . . . . . . . . . . . . . . . eŭrojn por aliĝo en kategorio . . . . . . . . . . .
(Indiku la motivon de redukto: junulo, kunulo, handikapulo; forstreku la nevalidajn) al la organiza komitato per p.ĉ.k / per la UEA-konto salv-i / per HEF; forstreku la nevalidjn.

Dato . . . . . . . . . . . . . . . . Subskribo. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

Organiza komitato: Verona Esperanto-Grupo, CP 1616, 37100 Verona, Italio

e-poŝto: <esperantoverona@adriacom.it> p.ĉ.k. 25673328, je la nomo de la kasisto:

s-ro Sergio Antoniazzi, Via Brigata Casale 1, 37137 Verona, Italio.

Oni povas pagi rekte al la O.K., per p.ĉ.k. , per ĉeko je la nomo de la kasisto aŭ per la UEA-konto salv-i —Sendu pagon kaj aliĝilon al la sama adreso, kun fotokopio de la pagatesto.

Oni povas kopii la aliĝilon, plenigi kaj sendi ĝin per ordinara aŭ elektronika poŝto al la Organiza Komitato: Verona Esperanto-Grupo.

Se vi pagas al HEF, sendu al ĝi vian aliĝilon, sed samtempe bonvolu ankaŭ sendi kopion de ĝi aŭ e-poŝtan sciigon al la Organiza Komitato.

# Internacia HoRo

## Salamanca 11-18 julio

## Organizas: HEJS

Hispana Esperanta Junulara Societo

Salamanko, kastilia urbo kun 158.457 loĝantoj, konatas ĉefe ĉar ĝi havas la plej malnovan hispanujan universitaton, kaj unu el la plej antikvaj de Eŭropo. Ĉiujn angulojn de ĉi monumenta urbo regas studenta atmosfero. Centoj da gejunuloj svarmas surstrate, ĉiunokte, amuzeje, preskaŭ ĝis sunlevigo. Kaj tamen ili dediĉas tempon al studado. Neniu scias kiel nek kiam, sed ili ankaŭ ja studas.

Je la unua vizito, oni ne miras, ke UNESKO Salamankon deklaris Heredajo de la Homaro. La historia centro de la urbo fidele konservas sian originalan kaj puran arkitekturon. La urbo el oraj koloroj. La ora urbo en kiu kulturo kaj belo svarmas en la aero.

Kiom pagi?

| | gis 31/5 | de 1/6 |
|---|---|---|
| A-kategorio | 158 € | 188 € |
| B-kategorio | 140 € | 168 € |
| C-kategorio | 128 € | 158 € |

Antaŭpago: A 20 €; B 10 €; C 5 €
*Rabato: <20 jaroj -20 €*
Krompagoj: <26 jaroj +20 €
Unulita cambro + 30 €
Memzorganto: 60-elcenta rabato



Kategorio A: Ĉiuj eŭropaj landoj escepte de tiuj en B-kategorio. *Kategorio B*: Aŭstralio, Cehio, Grekio, Hungario, Kroatio, Malto, Pollando, Slovakio, Sudafriko, Usono. *Kategorio C*: ceteraj landoj.

Kiel pagi?

— Ĝire en la konton de HEJS "hejs-p" ĉe UEA, Nieuwe Binnenweg 176, NL-3015 BJ Rotterdam, Nederlando (nur ĝis majo).

— Per poŝtmandato al Hispana Esperanto-Federacio, Rodríguez San Pedro 13-3-7, ES-28015 Madrid, Hispanio.

— Ĝire al "BBVA", en la konton 0182-2552-61-0204011961 de Hispana Esperanto-Federacio. Indikante en la pagilo, ke temas pri "HoRo 2002".

Informoj ĉe: Hispana Esperanta Junulara Societo; Rodríguez San Pedro 13-3º-7. ES-28015 Madrid.

Tel./Faks.: (00-34) 914-468-079.
<HoRo2002@esperanto-es.net>.
www.esperanto-es.net/HEJS/HoRo2002/

## 61a Hispana Kongreso de Esperanto




**1a ĝis 4a de aŭgusto**

**Alicante**

Colegio Mayor Universitario
Campus de la Universidad s/n
San Vicente del Raspeig.

# Loĝado

En la kongresejo (unulita ĉ. + matenmanĝo): 20 € ĝis 30a de junio; poste 24 €.

ATENTU: la nombro de ĉambroj en la Universitata Hotelo estas nur 30 kaj oni disponigos ilin ĝis elĉerpiĝo laŭ la dato de mendo. Mendu tuj do!

Aliaj loĝejoj (en la urbocentro): Pensióno: 18 € po persono.

| Hoteloj | Unulita ĉ. | Dulita ĉ. | Trilita ĉ. |
|---|---|---|---|
| Hostal-Residencia A | 21 € | 34 € | 44 € |
| Hostal-Residencia B | 27 € | 39 € | — |
| Hostal C | 24 € | 44 € | 51 € |
| Hotel A | 32 € | 50 € | — |
| Hotel-Residencia B | 47 € | 59 € | — |

Ĉiuj prezoj estas po unu tago.

Bankkonto: BANCAJA; Strato Málaga 37; 46009 Valencia. Kontonumero: 2077-0069-24-3100702329 Congreso de Esperanto.

Konstanta adreso: Augusto Casquero de la Cruz. Avenida Burjasot, 29, A-31; 46009 Valencia. Retadreso: <augustocasquero@infonegocio.com>

Atentu ke oni rezervos laŭ la eblecoj, ĉar en Alicante malfacilas rezervi somere. Se necese, la organizantoj rajtas serĉi alternativajn loĝejojn, kun similaj prezoj.

Oni ne traktos hotelmendon sen antaŭa pago. Kotizoj ne estas repageblaj.

## 61a Hispana Kongreso de Esperanto

La *Colegio Mayor* okupas areon de 20000 kvadrataj metroj, kie troviĝas loĝejoj, sportejoj, ĝardenoj kaj parkejo rezervita por aŭtouzantoj. Inter la diversaj servoj oni povas mencii la grandan manĝejon, kafejon, salonon por 350 homoj, basenon, ktp. Ĝi estas facile atingebla danke al oftaj urbaj trafikiloj.

Krom la kutimaj programeroj, t.e. oficiala inaŭguro, oficiala fermo, ĝenerala kunsido, kunvenoj kaj prelegoj, okazos omaĝo al nia kara samideano Luis Hernández Yzal kaj prezento de la nova ambaŭdirekta vortaro *Amika* (ĉiu aliĝinto rajtos aĉeti la vortaron kun kongresa rabato). Cetere, ĉiu aliĝinto ricevos donace ekzempleron de la novan libron de Giordano Moya eldonita de BEC, kiun la aŭtoro prezentos en la kongreso.

Aldone okazos tuttaga ekskurso: Vizito al la kavernoj de Canalobre kie dum la hispana revolucio estis ateliero por muntado de aviadilaj motoroj, al vilaĝo Guadalest agnoskita kiel historia kaj arta ensemblo, kaj fine al urbeto Benidorm kiu estas la unua plej grava turisma loko en la mediteranea marbordo. Manĝado en restoracio kaj libera tempo ĝis reveno al Alikanto (prezo 36 €). Ankaŭ okazos duontaga ekskurso al urbeto Elche por viziti la plej grandan palmejon en Eŭropo kaj aliajn verdajn spacojn kiel la Komunuman Parkon kaj la Ĝardeno de la Pastro. (prezo 10 €).



### Postkongresa ekskurso

Se prezentiĝos sufiĉe da interesitoj, okazos postkongresa tuttaga ekskurso al urbo Valencio kun vizito al la historia urbocentro, Palaco de la Artoj kaj la Sciencoj kaj Albufera.

Tagmanĝo en restoracio 36 €.

Por tiuj kiuj deziros resti plu en Valencia, eblas rezervi ĉambrojn en pensiono de la urbocentro. Nur se oni rezervas frue.

Loko en dulita ĉambro (kun lavujo) 12 €

(kun duŝejo) 15 €.

Unulita ĉambro (kun lavujo) 14 €

(kun duŝejo) 16 €.

Ĉio sen matenmanĝo.

Por tiuj kiuj deziras ion pli komforte mendi, petu prezojn al la organizantoj.




## 61a Hispana Esperanto-Kongreso

### Alicante

### 1a ĝis 4a de aŭgusto 2002

Colegio Mayor Universitario
San Vicente del Raspeig

ALIĜILO N-RO......

(BONVOLU SKRIBI TAJPE AŬ PRESLITERE)

Familiaj nomoj ........................................
Antaŭnomo: ........................................
Naskiĝdato (2) .......................... HEF-numero ............
Adreso. ........................................
........................................ Poŝtkodo ............
Urbo ......................... Telefono ....................
Retadreso ......................... Faksilo ....................

(2) Nur por statistiko

| Kongreskotizoj | ĝis la 30a de junio | poste |
|---|---|---|
| Membro de HEF | 19 | 25 |
| Ne membro | 23 | 29 |
| Loĝejo | --- | --- |
| Donacon | | - |
| ENTUTE: | | |

Kotizu pere de Bancaja, strato Málaga 37; 46009 Valencia.
konto-numero: 2077-0069-24-3100702329 al la 61a Hispana Esperanto-Kongreso.
Kunsendu la pagpruvilon kaj la aliĝilon al la suba adreso.

**Por bankĉekoj kaj poŝtmandatoj aldonu 10%**

LA KOTIZO ESTAS NE REPAGEBLA.

Dato kaj subskribo ........................................

Konstanta adreso: Augusto Casquero; Avenida Burjasot 29, A-31;
ES-46009 Valencia; Retadreso: augustocasquero@infonegocio.com

# Hispana Literaturo

## Max Aub



Jen la problemo: vi pensas, ke mi ne obeis la haltordonon. Kaj jes. Mi haltis. Vere, ke neniu povas tion pruvi. Sed mi bremsis kaj la aŭto haltis. Tuj poste la verdo eklumis kaj mi pluis. La policano fajfis kaj mi ne haltis ĉar mi eĉ ne povis imagi, ke tio rilatas al mi. Tuj li atingis min per sia motorciklo. Kaj alparolis min malĝentile: "ĉu, ĉar virino, mi pensas, ke la trafikregulojn devas obei nur la pantalon-uzantoj". Mi asertis, ke mi ne malobeis la haltordonon. Mi diris. Mi ripetis tion al li. Kaj li ne volis konsideri. Mi koleregis: la mensogo tiel evidentis, ke mia sango ekbrulis. Jes, mi ja scias, ke li serĉis nur unu aŭ du groŝojn, maksimume tri. Tamen subaĉeto pagendas, kiam oni kulpas aŭ serĉas favoron. Sed en tiu momento li defendis abomenan mensogon! Mi obeis la lumojn! Plie, la tono: ĉar li sciis sin neprava tuj impertinentis. Li vidis virinon sola kaj certis, ke li sukcesos. Mi insistis. Mi pretis veni ĉe la Trafik-oficejon kaj tie plendegi. Ĉar mi pasis, kiam verdo lumis! Li alrigardis ruzmiene, venis al la fronto de la aŭto, kaj montris intencon demeti la ciferplaton. Li kliniĝis. Mi ne scias, kio plu okazis. Tiu ulo neniel rajtis fari ion tian! Mi pravis. Furioza do, mi ŝaltis la motoron kaj ekstartis...

El la verko *Crímenes ejemplares*

Trad. *Ana Manero*

Depósito legal Z-334-90. Presejo: Gráficas Aurora